4me Année, No 2. | 4a Jaro, 2a Numero. Oktobro 1905 (No 38) | 4e Jaar, Nr 2.

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.




# LA BELGA SONORILO

JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista »**
**kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj.**
**Aliĝinta al la Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés.**
**Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge.**

**Officieel orgaan van den « Belgischen Esperantischen Bond » en der Belgische aangesloten Groepen.**
**Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.**

## DIREKTORO : DOKTORO M. SEYNAEVE.

REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (Belgujo).

### Prix des Abonnements :

| | |
|---|---|
| Abonnement simple (*au moins 1 an*) | 4,00 fr. |
| Avec inscription à la Ligue . . . . . au moins | 5,00 fr. |
| Membre protecteur de la Ligue avec abonnement (Voir Statuts p. II) . . . . au moins | 10,00 fr. |
| Un numéro | 0,40 fr. |
| Collections des trois premières années . chacune | 5,00 fr. |
| pour l'étranger | 6,00 fr. |

### Inschrijvingsprijs :

| | |
|---|---|
| Enkele inschrijving (*ten minste 1 jaar*) | 4,00 fr. |
| Met inschrijving in den Bond. . . . . ten minste | 5,00 fr. |
| Bond-Beschermer (maandschrift inbegrepen, zie Standregelen, p. II) . . . . ten minste | 10,00 fr. |
| Een nummer | 0,40 fr |
| De drie vorige jaren . . . . . ieder | 5,00 fr. |
| Buitenland | 6,00 fr. |

ABONOJ : 4 fr. ĉiujare. — Unu no : 0,40. — Kolektoj de antaŭaj jaroj, ĉiu 6,00 fr.

La date initiale de l'abonnement est le 1er Septembre. — Si l'on s'abonne dans le courant de l'année, on reçoit les Nos de l'année déjà parus.

Het jaar begint den 1en September.— Indien men inschrijft in den loop des jaars, ontvangt men de vorige nummers.

*Adresser les abonnements, manuscrits, annonces, etc., à :* | *Sendu abonojn, manuskriptojn, anoncojn, k. t. p. al :* | *Inschrijvingen, handschriften, annoncen, enz., te zenden aan :*

Sro J. COOX, DUFFEL (Belgujo).

ENHAVO.
(Sommaire. — Inhoud.)



A.-J. WITTERYCK-DELPLACE,
IMPRIMEUR-ÉDITEUR | DRUKKER-UITGEVER
BRUGES. NOUVELLE PROMENADE, 4. | BRUGGE, NIEUWE WANDELING, 4.

# Belga Ligo Esperantista

## Ligue Espérantiste Belge. | Belgische Esperantische Bond.

### COMITÉ D'HONNEUR || EEREKOMITEIT

MM. le Dr GASTER, Directeur de l'Allgemeine Deutsche Schule, Anvers,
le Sénateur HOUZEAU DE LEHAIE, Mons
le Frère ISIDORE, de l'Institut Royal des Aveugles, Bruxelles.
le Sénateur H. LAFONTAINE, Bruxelles.
J. MASSAU, Professeur à l'Université de Gand.
MOURLON, Directeur du Service Géologique de Belgique, Bruxelles.
ERNEST SOLVAY, Bruxelles.

### COMITÉ EXÉCUTIF. | UITVOEREND KOMITEIT.

*Président* (Voorzitter) : M. le Commandant CH. LEMAIRE.
*Secrétaire Général* (Algemeene Schrijver) : M. le Dr M. SEYNAEVE, Heule-Courtrai.
*Secrétaire Administratif* (Bestuur-Schrijver) : M. J. COOX, Duffel.
*Membres* (Leden) Mlle E. LECOINTE, MM. L. BLANJEAN, Jos. JAMIN, L. JAMIN, VAN DER BIEST-ANDELHOF, Dr R. VAN MELCKEBEKE.

Pour tous renseignements, adhésions, envoi de rapports, etc., s'adresser au Secrétaire-Administratif :

Voor inlichtingen, inschrijvingen, opzending van verslagen, enz., zich wenden tot den Bestuur-Schrijver :

❋ Mr J. COOX, DUFFEL. ❋

### EXTRAIT DES STATUTS :

ART. 1. — Il est fondé sous le titre de **Ligue Espérantiste Belge** (*Belga Ligo Esperantista*) une société des adeptes et des approbateurs de l'Esperanto en Belgique.

ART. 2. — La Ligue Espérantiste Belge a pour but de propager la langue auxiliaire internationale Espéranto, en dehors de toute question politique ou religieuse, et d'étendre les relations de la Belgique avec l'étranger.

ART. 3. — Pour atteindre ce but, la Ligue crée un fonds social pour aider les groupes Espérantistes, assurer l'existence de l'organe officiel de la Ligue, éditer et répandre des imprimés de propagande, organiser des conférences, des cours et des expositions espérantistes, et réaliser ou aider à réaliser tout projet qui, après mûr examen de la part du comité, aura été reconnu utile.

ART. 5. — Les cotisations des membres sont fixées comme suit :

*a*) Tous les membres de la Ligue paient une cotisation annuelle minima de 1 fr. ou versent une fois pour toutes une somme de 25 francs.

*b*) Les membres qui paient une cotisation annuelle d'au moins 10 francs, ou qui versent en une fois la somme de 200 francs, reçoivent le titre de *Membre Protecteur*.

*c*) Les membres, qui paient une cotisation annuelle d'au moins 25 francs ou qui versent en une fois la somme de 500 francs, sont nommés *Bienfaiteurs de la Ligue*.

Aux Membres Protecteurs et Bienfaiteurs la Ligue sert de droit l'organe officiel.

ART. 13. — La Ligue choisit comme organe officiel la revue *La Belga Sonorilo*. Cette revue est complètement indépendante de la Ligue. Elle imprime les rapports, avis, communications et autres documents que lui envoie le Comité de la Ligue. Elle publie une fois les noms de tous les membres de la Ligue et dans chaque numéro les noms des membres du Comité d'Honneur.

### Uittreksel der Standregelen.

ART. 1. — Onder den titel «**Belgische Esperantische Bond**» (*Belga Ligo Esperantista*), is een Bond gesticht tusschen de personen welke in België het Esperanto beoefenen of goedkeuren.

ART. 2. — De Belgische Esperantische Bond heeft voor doel buiten alle politieke of godsdienstige strekking, de Hulpwereldtaal Esperanto te verspreiden en de betrekkingen van België met het buitenland te bevorderen.

ART. 3. — Om dit doel te bereiken sticht de Bond een geldfonds ten einde de Esperantische groepen te helpen, het bestaan van het officieele blad van den Bond te verzekeren, allerhande propagandaschriften uit te geven en te verspreiden, Esperantoleergangen, voordrachten en tentoonstellingen in te richten, en alle ontwerpen welke na rijpe overweging van het Bondsbestuur voordeelig blijken, te verwezentlijken of aan de uitvoering ervan mede te werken.

ART. 5. — De bijdragen der leden zijn vastgesteld als volgt:

*a*) Alle leden betalen eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 1 fr. ofwel storten eens voor al de som van 25 fr.

*b*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 10 fr. of wel de som van 200 fr. in eens storten, worden opgenomen als *Beschermleden*.

*c*) De leden welke eene jaarlijksche bijdrage van ten minste 25 fr. ofwel 500 fr. in eens geven, verkrijgen den titel van *Weldoeners van den Bond*.

De *Beschermleden* en de *Weldoeners* ontvangen kosteloos van wege den Bond het officieel blad.

ART. 13. — De Bond neemt als officieel orgaan het blad «*La Belga Sonorilo*.»

Dit blad is gansch onafhankelijk van den Bond. Het neemt alle verslagen, berichten, mededeelingen en andere stukken op welke het van het Bestuur van den Bond ontvangt. Het kondigt eenmaal de namen aller leden af en vermeldt in ieder nummer de namen der leden van het Eerekomiteit.

4me Année, N° 2. | 4a Jaro, 2a Numero. Oktobro 1905 (N° 38) | 4e Jaar, Nr 2.

GAZETO ESPERANTISTA ELIRANTA ĈIUMONATE EN BELGUJO.




JOURNAL ESPÉRANTISTE BELGE MENSUEL. | BELGISCH ESPERANTISCH MAANDSCHRIFT.

**Oficiala Organo de la « Belga Ligo Esperantista » kaj de la Belgaj Ligaj Grupoj. Aliĝinta al la Unuiĝo de la Perioda Belga Gazetaro.**

**Organe officiel de la « Ligue Espérantiste Belge » et des Groupes Belges Affiliés. Affilié à l'Union de la Presse Périodique Belge.**

**Officieel orgaan van den «Belgischen Esperantischen Bond» en der Belgische aangesloten Groepen. — Aangesloten bij het Verbond der Periodieke Belgische Drukpers.**

DIREKTORO : DOKTORO M. SEYNAEVE.
REDAKTORO-ADMINISTRANTO : J. COOX, DUFFEL (BELGUJO).

# AVIZO.

Ni tre insiste petas niajn abonantojn ke ili bonvolu sendi senprokraste la abonmonon por la 4a jaro de la ĵurnalo, ĉar, de ĉi tiu numero, ni povos sendi la ĵurnalon nur al la abonantoj.

Ni rememorigas ilin ke la abonkosto estas 4 froj. Oni prefere sendu tiun sumon per poŝtmandato aŭ belgaj poŝtmarkoj. La fremdaj poŝtmarkoj estos akceptataj nur po la 3/4 de sia valoro.

Se oni sendos sumon pli grandan ol 4 froj, ni konigos tion sub speciala rubriko : « **Monoferoj por la ĵurnalo** ».

Antaŭe ni dankas niajn fidelajn abonantojn !

Oni ĉion sendu al So Administranto J. COOX, DUFFEL.

## AVIS.

A partir de ce numéro, le journal ne sera envoyé qu'à nos abonnés. Nous prions donc instamment nos amis de bien vouloir nous envoyer la minime cotisation de 4 frs. (5 frs. avec inscription à la Ligue). Mention sera faite sous une rubrique spéciale des sommes supérieures à celle de l'abonnement que l'on voudrait bien nous faire parvenir.

Vers la mi-novembre, une quittance postale sera envoyée à tous nos abonnés belges. A nos anciens abonnés protecteurs nous nous permettrons d'envoyer une quittance du montant de la cotisation, qu'ils acquittaient auparavant: sur cette somme nous prélèverons 4 frs. pour l'abonnement et, s'ils ne sont pas encore membres de la Ligue, verserons le reste à la Ligue, dont ils feront ainsi partie sans frais supplémentaires.

Nous comptons sur la fidélité de tous nos anciens abonnés pour continuer avec succès l'œuvre difficile que nous avons entreprise, et à l'avance nous les remercions très chaleureusement.

## BERICHT.

*Te beginnen met dit nummer, zal het blad slechts aan onze inschrijvers gezonden worden. Wij bidden derhalve onze vrienden ons wel te willen de geringe bijdrage sturen van 4 fr. (5 fr. met inschrijving in den Bond). Er zal in een bijzonder hoofdstuk, melding gemaakt worden, van de sommen welke men ons boven den inschrijvingsprijs wel zou willen toesturen.*

*Rond half November zal eene postkwitantie gezonden worden aan al onze Belgische inschrijvers. Wij zullen de vrijheid nemen aan onze oude inschrijvers-beschermers een kwijtbriefje te zenden ten bedrage van de bijlage die zij vroeger betaalden : van die som zullen wij 4 fr. afnemen voor de inschrijving, en indien zij nog geen lid van den Bond zijn, wij zullen het overige aan den Bond schenken, waarvan zij op die wijze zullen deel maken, zonder bijkomende kosten.*

*Wij rekenen op de getrouwheid van al onze oude inschrijvers om met goeden uitval het zoo moeilijk werk dat wij ondernomen hebben, voort te zetten, en vooraf, sturen wij hun onzen rechtzinnigsten dank.*

# Pri Kongresoj Internaciaj.

Dank' al la nuna vivado de l' sciencoj, komerco, industrio, arto, k. t. p., kaj ankaŭ pro la nekalkuleblaj progresoj faritaj dum la lasta centjaro en ĉiuj fakoj de l' homa agemeco, multobliĝis kaj ĉiutage multobliĝas la rilatoj inter civilizitaj popoloj de l' tera globo.

Multaj faktoj pravigas tiun diron. Nur unu inter la plej gravaj el ili mi elektos.

Scienculoj, komerc-, industri-, art- istoj opinias ke nune la laborado en ia privata lernĉambreto ne plu sufiĉas por certigi la ĝeneralan antaŭeniradon de l' homa spirito: ĉiuj personoj, kiuj okupas sin pri similaj aferoj, senĉese deziras ricevi precizajn informojn koncerne la specialajn konojn de ili posedatajn aŭ diskonigi kiel eble plej rapide la rezultatojn de siaj laboradoj.

Tiel klariĝas la multnombraj kongresoj okazantaj ĉiujare.

Ni, Esperantistoj, tre bone scias kiom da malfacilaĵoj, eĉ da malhelpaĵoj ricevas la partoprenantoj de tiuj seriozaj kaj gravaj kunvenoj pro tio ke plej ofte ili ne povas interkompreniĝi nur tial ke malsaman lingvon ili parolas: la plimulto el ili ne povas uzi flue tiun de la lando kie okazas la kongreso.

Pli kaj pli, Babelturo ne plu aperas kiel mirinda legendo aŭ ridinda pasintaĵo, sed bedaŭrinde kiel nevenkebla realaĵo hodiaŭa!

Prezenti milojn da pruvoj! facile tion mi povos, sed mi okupos min nur pri l' nuna tempo.

Ĉi tiun jaron, dank' al la internacia ekspozicio en Lieĝo, ni plezure akceptis en nia landeto multajn fremdulojn kaj kompreneble tuta vico da kongresoj estis organizita ĉu en Lieĝo mem, ĉu en Bruselo, ĉu en aliaj belgaj urboj.

Oni multe parolis france, angle, germane kaj alilingve; ĉu oni facile interkompreniĝis? Ne, tute ne! Pruvon pri tio mi elĉerpas tuj el « Le Soir », Belga ĵurnalo ne proesperantista sed plej ofte kontraŭesperantista:

« Multnombraj estis la kongresanoj alvenintaj el « dudeko da landoj; bedaŭrinde malfacilaj estis la « disputoj pro tio ke la plej multo el la ĉeestantoj ne « scias sufiĉe la francan lingvon per kiu la plej « eminentaj el ili provis tamen malvolvi la fruktojn « de multaj jaroj de sia laborado. Ĉu ili komprenis « sin? Tio ne estas certa, sed certe estas ke la « Francoj kaj Belgoj ne komprenis ilin. »

Alian pruvon? — Antaŭ kelke da tagoj okazis en Parizo kongreso de liberpensuloj. La franca gazeto « Le Journal » raportas ĉi tion:

« La kunsido de l' mateno estis dediĉita al aŭdado « de sceno el « Tartuffe » kaj serio da paroladoj. « S^ro Petitjean prezidis kun helpo de S^roj Allemane « kaj Hofmann, Reichstag'ano. La kunveno de l' « vespero estis iomete malfacila. Ĉar multaj frem- « daj delegitoj parolis unu post la alia kaj tial ke « en la ĉeestantaro malmulte da personoj kompre- « nis ilin, la salono fariĝis, iom post iom, malplena. »

Kia sukceso, esperantistaj amikoj miaj!

Ĉu estas ankoraŭ utile ke mi skribu pri la kongresoj de l' parlamentanoj, de l' ĵurnalistoj, kaj aliaj? Ne, sed mi aldonos tamen ankoraŭ rimarkon ian.

Kiam kongreso ia estas ĵus finita, ofte oni organizas tion, kion oni nomas « *internacia oficejo* »: tiel agis tiun jaron la studentoj, la instruistoj, k. c.; tiel agis ankaŭ la granda kongreso pri la « tutmonda plivastiĝo ekonomia », kiu ĵus okazis en la belga urbo Mons. *Internacia!* ĉu tiu oficejo vere estos tia? Eble, kondiĉe ke oni konsentus ke ĝi estas internacia oficejo por tradukoj. Mi ne imagas al mi tiun oficejon alie. La servoj, kiujn ĝi faros, estas certe tre dubaj.

Antaŭ ol fini tiun artikoleton, mi skribos ankoraŭ kelke da vortoj pri grava renkontiĝo kiu okazis en Ameriko dum la pasinta Aŭgusta monato kaj la unuaj tagoj de Septembro. Du eminentaj diplomatiistoj, S^ro Witte por Rusujo kaj S^ro Komura por Japanujo, estis komisiitaj de siaj estraroj por pritrakti en Porstmouth la malfacilan aferon pri restarigo de l' paco inter la du landoj. Koncernante tion, mi legis scivole la sekvantaĵon en ĵurnalo kiu ne uzis la plej malgrandan spacon por konigi ion al siaj legantoj pri la Bulonja kongreso.

« La Rusoj parolas tute libere la francan lingvon, « sed ne sufiĉe la anglan; la Japanoj kontraŭe « konas la anglan sed tre malmulte la francan. Ĉar « la unuaj ne povas uzi la gepatran lingvon de la « aliaj, oni parolas samtempe Japane, Ruse, France « kaj Angle; la rezultato de tio estas ke la disputoj « estas malfacilaj, longaj kaj ofte konfuzaj ».

Fine, la provizora traktaĵo pri restarigo de l' paco inter la du ŝtatoj estis redaktita, nek en Rusa nek en Japana lingvo, sed en la Angla por la Japanoj kaj en la Franca por la Rusoj.

Ĉu eble la artikoloj de tiu tre grava historia dokumento estas matematike samaj? Ĉar la du pacigitaj landoj tre bone scias ke du tradukoj ne povas esti similaj, oni interkonsentis ke por solvi la malkompreniĝojn, kiuj pli-malpli malfrue povus eliri el la du malsamaj uzitaj lingvoj, la franca teksto sola estos rigardata kiel oficiala!

Vere, la diverseco de lingvoj estas utila por nenio internacia!

Vole nevole, oni iam alprenos lingvon artefaritan por faciligi aŭ ebligi la rilatojn internaciajn; ju pli mi pripensas, des pli firma fariĝas mia konvinkiĝo pri tio.

Lucien BLANJEAN.



# INTERNACIAJ DISTRANĈISTOJ !

Jam de longe forflugis la tempo, la feliĉa ora tempo kiam la homaj mizeruloj, eĉ senigitaj je ĉio, povis almenaŭ fieriĝi pri la plena, senduba posedado de sia korpo. Jam ĝi ne apartenas al ni kaj la gloraj majstroj de la nuna ĥirurgia armeo senkaŝe postulas la rajton nin, peco post peco, distranĉadi. Kiel tre sprite skribis iu, ni de nun ĉiuj, kiel Dido el la Eneido, ni ĉiuj devas diri : « *Non omnis moriar* » mi ne tuta mortos : la ĥirurgiistoj nin atendas.

Ĵus kunvenis kongreso de tiuj es...timindaj sinjoroj en Bruselo : kun vera mirego mi aŭdis pri iliaj tre interesaj (ho, tiom interesaj !) laboroj, kun akra korpremeco mi ĉiumatene legis pri iliaj diskutadoj ! Ĉar, abomeninde ! ĉiuj tre bone konsentis pri tio : nin ĉiujn ili distranĉos, sed pri la maniero, pri la momento, pri la formo de nia memofero ili diskutadis. Ĉu tiaj disputoj ne estas interesaj por la oferotoj ?

Fama kuracisto iam diris ke tiu certe estis maltimega kiu unuafoje kuraĝis malfermi la vejnon de aliulo. Maltimega ! La vejno ! Sed, Dio mia ! kion pensas pri tiu maltimegeco niaj majstroj de l' tranĉarto, kiuj serĉante malfermas kapojn kaj ventrojn kaj, plibone ol ĥinaj turmentistoj, laboras per tranĉiloj ; najlas, martelas kaj kudras ; dispecigas, kaj senhaŭtigas, kaj senmembrigas..... brrr !..... la tro bonvolan homan genton. Nenio haltigas ilin en ilia sangavida scivolemo : iliaj pereigaj laboroj jam naskis dikan specialan vortaron, kies vortoj, longaj kaj akraj kiel buĉista tranĉilo, ankaŭ posedas ĝian maltrankviligan ekbrilon, ĝian ŝtalan malvarmecon. Iliaj beletaj bisturioj per lertaj kaj graciaj movoj elesploras ĉiujn korpajn angulojn, ĉiujn altaĵojn, ĉiujn kavaĵojn : nenio haltigas ilian homaman tranĉadon, nenio, eĉ ne, ve ! nia monujo. Eble ili ne trovos la malsanigan mikrobon, la vagantan renon, la pusan poŝon aŭ la vezikan ŝtonon ; eble ili forgesos ian tondilon aŭ prenilon en la profundaĵoj de nia ventro (pri tia sengrava detalo la ĵurnaloj raportas ĉiutage), sed mi neniam aŭdis ke ili ne trovis tiun interesan aĵeton, ke ili forgesis, plibone ol la plej dikan, la plej ĝojigan absceson, ĝin malplenigi ĝis la fundo.

Ho, mi tre bone scias ke mi estas, laŭ tiu ĉi rilato, ke mi estas ridinda malprogresemulo, prapatra « antikva peruko » ; ke mia timego al la tranĉilo estas nepre sensaĝa kaj infana antaŭjuĝo ; ke en la nuna tempo « la amo al la bisturio estas la komenco (ĉu neniam la fino ?) de la sano », sed tion mi ne povas kaŝi. Kaj, malgraŭ ĉio, mi ĉiam kun amo, respekto kaj kortuŝeco pensadas pri tiuj bonaj iamaj razistoj, antaŭuloj de niaj ĥirurgiistoj, kiuj, tondinte kaj razinte la klientojn, per brava mano kaj senafekte tranĉante kaj kaŭterizante malpurajn vundojn, disdonis malavare belecon kaj sanon. Mi ĉiam melankolie pensadas pri la severa iama kuracisto : lia funebra surtuto kaj lia respektinda tubĉapelo antaŭsciigis al la malsanulo ke alproksimiĝas la lasta horo ; li montris malĝojan mienon ; li parolis malrapide kaj mallaŭte ; per kelkaj dekoj da hirudoj kaj da sangeltiroj li dolĉe kaj ne rapidante mortigis la malsanulon. Sendube li mortigis, sed tion li faris dece : estis bonege. Sed nun oni kuracas nin malpure ; oni sufokas nin per kloroformo kaj sango ; oni distranĉas nin : per unu vorto, oni mortigas nin maldece. Kaj pri tio mi laŭte plendas kaj protestas. Ho, razistoj, hirudoj kaj tubĉapeloj ! Amataj figuroj de l' pasinta tempo ! Kiom multe mi bedaŭras vin !

Sed la tempo aliiĝis. La homa senĉesa progresado alportis novajn manierojn por vivi kaj morti, kaj, vole nevole, « *ineluctabile fatum* » — neforigebla sorto,—ni ĉiuj devas ilin subiri. En tiu ĉi tempo, kiam oni devas rapidege trairi la vojon de l' vivo, kiam oni ne plu havas tempon por pripensadi, kiam la malsaĝo de l' rapidegiro enpenetras ĉiujn cerbojn, ankaŭ la kuracarto devas sin almezuri al tiu ĝenerala vivmaniero. Ĉirkaŭ la malsanula lito, ne plu povas grupiĝi deko da nigraj mortservistoj por longe *pridisputi* per senfinaj hipotezoj la intiman kaŭzon de l' malsano : tempo mankas kaj oni pli efike malfermas la korpan skatolon por *vidi* la kaŭzon ; la vundatajn membrojn oni ne plu dum longaj monatoj ŝmiras kaj kuracas : tempo mankas kaj pli simple oni detranĉas ilin. Oni detranĉas membrojn kaj intestojn, oni detranĉas langon, stomakon kaj renon ; oni detranĉas ĉion kaj nia epoko, kiu vidis jam la efektiviĝon de tiom da iam nekredeblaj miregindaĵoj, eble ekkonos baldaŭ la « kriplulon kun ligna kapo » ! Voltaire skribis : « Kalumniu, kalumniu, ĉiam restos io » ; niaj ĥirurgiistoj plenfide diras (kaj tio ŝajnas al mi timeginde vera) : « Detranĉu, detranĉu, ĉiam restos io ! »

Sed la progresado nune ne haltos kaj kun timo, ankaŭ kun iom da miro, mi demandas min ĝis kiaj neimageblaj strangaĵoj tiu potenca arto alvenos. En ĉiuj regionoj de l' homa agemeco, pli kaj pli la meĥaniko anstataŭas la laboradon de la homoj : ĉu ankaŭ ĉe la ĥirurgio tia aliformiĝo montriĝos ? Tio ŝajnas nepre certa. Jam, antaŭ nelonge, oni eltrovis aparaton por rapide kudri la operaciajn vundojn : sur ilin oni almetas la aparaton, oni turnas la turnilon kaj... krik ! krik ! pŝŝŝŝ... jam la haŭto estas bonege riparita. Sed tio estas nur unua negrava paŝo : baldaŭ oni vidos aliajn mirindaĵojn. Ĉu vi eksciis pri tiu maŝino en kiun oni metas vivantan porkon kaj kiu, je l' kontraŭa ekstremaĵo, eligas graciajn brilajn kolbasojn ? Nu, saman progreson certe atingos la ĥirurgiaj procedoj : oni elpensos maŝinon por aŭtomate operacii la herniulojn, por detranĉi piedon aŭ brakon, por malfermi la ventron aŭ la kranion. La ĥirurgiisto, komforte sidante antaŭ klavaro, senatente direktos la operacion : la malsanulo, subite kaptita de dolĉa dormado, dum kiu plej amindaj revoj traflugos lian spiriton, eniros kiel ĝibulo aŭ lamulo, herniulo aŭ kankrulo, kaj eliros mirakle rejunigita kaj resanigita.

Kaj, laŭ alia vidpunkto, la ĥirurgio plenumos plej interesan rolon por la plibeligado de la homaj korpoj. Ĉiuj scias ke, jam nun, multaj homoj havas nazon ĉizitan el la femura haŭto aŭ ke, enŝprucigante parafinon, oni jam povas forigi malgraciajn elkavaĵojn. Baldaŭ, dank' al tiu dia hirurgia feino, la korpa malbeleco estos jam nur ridinda memoraĵo

de l' antaŭaj tempoj kaj niaj nepoj kun mirego rigardos la fotografaĵojn de siaj malbelaj avoj; en la estontaj muzeoj de vidindaĵoj, oni montros ankoraŭ vaksajn figuraĵojn de dikventruloj kaj ĝibuloj, de senharuloj kaj maljunuloj: ĉar de longe oni estos venkinta la mikrobon de l' maljuneco kaj la vivo de l' homo estos senfina printempo. Kontraŭe je la Grekoj kiuj, en la pratempoj, mortigis la malbelajn infanojn, oni liveros la junularon al la hirurgiistoj kiuj, ĉi tie ion fortranĉante, tie ion aldonante (jes, certe, amindaj samideaninoj!) perfektigos la laboron de la Naturo. Tiam estos la triumfo de la ĥirurgio sed tiun triumfon starigos nur la longa vico de l' nunaj sangaj turmentadoj, de l' nunaj niaj memoferaj suferoj.

Ho, tiu kongreso de ĥirurgio! Tiu senfina diskutado pri la absoluta neceseco malfermi la stomakon pro la plej negrava maldigesto! Tiu spektaklo de homoj, venintaj el ĉiuj flankoj de la tera globo por internacie distranĉadi vivulojn kaj malvivulojn, kaj por sin reciproke eksciti al pli maltima dispecigado de niaj mizeraj korpoj! Ne, malgraŭ la antaŭvidita triumfo, ne, mi ne povas kvietanime pripensi tiujn ideojn. Kaj tamen, tamen, mi ankaŭ, kiel ni ĉiuj, vole nevole, mi devos iam senti la akran doloron de l' bisturia tranĉado... Ho, respektindaj kaj timindaj majstroj, kiam mi ankaŭ, mi kuŝos senmove sur via malvarma tablo, kiam viaj sangavidaj tranĉiloj traboros mian haŭton, kiam ridante kaj ŝercante vi esploros mian tremantan internaĵon, kompatu min, ne tro difektu min, kaj precipe, ho bonaj ĉiopovaj fratoj, precipe, mi petas, mi petegas vin, en mia stomako ne forgesu..... vian manviŝilon!

SENHAVULO.



# *Se mi pli juna estus.....*

**AL S[ro] SEYNAEVE**

DEDIĈAS

TRADUKINTO (1).

Se mi pli juna estus, fraŭlino,
Ho, se mi estus pli juna,
Mia trinkaĵo estus ne vino,
Sed el rigardoj viaj la suna
Nektaro dolĉa, fraŭlino!

Vi min tiame ekamus eble,
Anĝelo klara.....
La kor' ektremis nun nehalteble;
Feliĉ' ja estus troe senbara,
Se Vi min ekamus eble....

Ne serĉus mi tiam sur nokto ĉiela
Je lun' aŭ stelaro....
Mi vin rigardadus nur, bela anĝelo;
Ĉar Vi ja pli multe eklumas ol klaro
De stela ĉielo.....

Mi malestimus sunan klarecon
Kaj dolĉan printempan spiron...
Mi trinkus sole Vian belecon,
En Vi havante mian inspiron
Kaj sunklarecon....

Sed ve! mi estas troe maljuna....
Ve! mi ne povas jam peti
Ke min varmigu la amo suna....
Mi sola povus kanton kanteti,
Estante troe maljuna...

De Vi forkuras mi kun sufero,
Ho Vi, papilio ora!
Ĉar ne permesas al mi fiero,
Ke mi montriĝu sopira, plora....
Forkuras mi kun sufero....

Mi ride trinkas.... mi trinkas vinon
Kun miaj larmoj miksitan,
Kaj mi rigardas, bela knabino!
Vian estonton nube kovritan,...
Kaj trinkas vinon...

*El poezioj de la pola poeto Adam Asnyk*
*tradukis*
LEO BELMONT.

(1) La tre lerta tradukinto de tiu ĉarmega poezio, S[ro] Leo Belmont, estas fama pola poeto, loĝanta en Varsovio kaj unu el niaj plej bonaj Esperantaj verkistoj. Li estis inter la nepre unuaj Esperantistoj kaj, en tiuj malesperigaj momentoj, li skribis al D[ro] Zamenhof entuziasman leteron, en kiu li antaŭdiris la triumfon de Esperanto kaj kiun publikigis, antaŭ nelonge, la revuo « *Lingvo Internacia* ». Li estis tre rimarkinda kongresano de la ĵusa Bulonja kongreso kaj dediĉis al nia Direktoro, memore de ilia tiama interamikiĝo, la jenan versaĵon de Asnyk, skribitan en stilo de Asnyk, « maturan frukton de granda poeto ». Ĝin sendante, li tre sprite skribas (li bonvolu pardoni nian ĵurnalistan maldiskretecon): « .... Nun demando .... Ĉu vi, juna poeto, al kiu verŝajne ridetas ame belaj flandraninoj kaj kiu varme ankoraŭ povas ilin kisi, ĉu vi komprenos sufiĉe forte grandan doloron de vortoj: « Se mi pli juna estus! »... Ha! mi jam estas maljuna!.... (en komparo de mia *plenhara* kaj plenfajra juneco) mi ilin, bedaŭre, komprenas!... Memoru, Sinjoro, ke vi estos ankaŭ iam maljuna! »

# DIVERSAĴOJ.

**Nova Flandra Opero** : « *De Vlasgaard* ». — » De Vlasgaard » (La linokampo) estas poeziaĵo de juna tre talenta poeto flandra, S° René De Clercq. El tiu poeziaĵo, alia juna verkisto flandra, S° Sevens eltiris operolibreton kies muzikon verkis S° J. Van der Meulen, Genta muzikverkisto, jam ŝatata pro du antaŭaj teatraĵoj unuaktaj kun interludo : Liva, kaj Le Dolmen.

La agado de l' opero « De Vlasgaard » estas resume jena : Kamplaboristo Dolf amas kaŝe brunharan ŝpinistineton Ceelke (Selk') kaj estas amata de ŝi. Sed, farmisto Krelis, trinkulo kaj mastro de Dolf, ankaŭ amas Ceelke. La fratino de Krelis, la tropiulino Julie volas nepre edziniĝi je Dolf. — Dolf kaj Ceelke malkovras unu ĉe la alia kaj al la alia sian reciprokan amon. Krelis kaj Julie konspiras kontraŭ ili kaj fine, Krelis, trovante Dolf kaj Ceelke kune, kaj eniĝante en teruran ĵaluzan koleron, mortigas Dolf'on.

Jen do agado vilaĝana kiel iafoje okazas reale en la flandraj vilaĝoj. Ĝi okazas meze en la flankaj scenoj, kaj la libretverkisto intermetis en sian verkon procesion, vilaĝan feston kun sekvantaro ; poste li kondukas nin en la domon de Ceelke laboranta sur sia grandega teksilo kaj fine denove en la vilaĝon proksime de l' linokampo, kie Dolf estas mortigota.

La muzikisto mirinde alfaris sian sonan komentarion al la cirkonstancoj. Li uzas sobre kelkajn « Leitmotivojn » ; dum la festo li igas kanti ĥore popolkantojn, kaj verkis kelkajn melodiajn perlojn. Precipe citindaj estas la kanto de Dolf « Ik ben van den buiten. ik ben van den boer » (Mi estas el kamparo, mi estas vilaĝano) ; la tekskanto de Ceelke, finiĝanta tre lerte en plora ĝemo post malaminda sceno kun Krelis ; kaj la sprita kanto de vilaĝanino Fietje « Diep in het koren, Daar ging er een lied » (meze en la greno aŭdiĝis kanto).

« De Vlasgaard » estas ludita je l' unua fojo en la Genta flandra teatro, la 8an de Oktobro pasinta. Rimarkinde estas ke la orĥestro, sub la lerta direkto de S^ro Roels, la bonega flandra muzikverkisto, devis studi tiun verkon sceno post sceno, ĉar la aŭtoro, skribinte ĝin antaŭe por fortepiano, ĝin tute lastmomente orĥestrigis, kaj transdonis laŭvice la finitajn paĝojn al S^ro Roels. Oni povas do diri ke la publiko gustumis la 8an de Oktobro verkon vere « nove bakitan » ! De la unua vespero ĝi varbis grandegan sukceson kaj en ĉiu prezentado diversaj partoj estas bisigitaj. La 24an de Oktobro « De Vlasgaard » estis ludata antaŭ entuziasma kaj eleganta publiko. La Urbestraro estis invitita. La autoroj estis festataj kaj devis sin montri sur la scenejo kie ili ricevis garbojn meze de laŭta aplaŭdado. La verko estis ankaŭ ludata en Bruĝo, de la Genta aktoraro, kiu ĝin prezentos proksiman lundon 30an de Oktobro en Bruselo.

La « Vlasgaard » estas do nova juvelo en la arta diademo flandra kaj la Gentanoj ĝin certe reaŭdos multajn fojojn ĉar kiam teatraĵo flandra sukcesas, ĝi facile atingas dudek, ĝis dudek kvin kaj eĉ pli da prezentadoj dum unu sezono.

**La Tunelo de Siloe**. Okaze de l' finiĝo de l' traboro de de l' Simplon, D^ro Bertholet, profesoro ĉe la Basela Universitato, altiris la atenton al alia montraboro pli modesta, sed kiu estis farata antaŭ 25 jarcentoj. Ĝi estas la unua konata traboro de galerio tra la ŝtonegoj.

Oni legas en la « *Libro de l' Reĝoj* » (Biblio) ke reĝo Ezekias kiu verŝajne reĝis en Jerusalem de 727 ĝis 699 antaŭ J.-K. konstruis akvujon kaj kondukvojon kaj tiel alkondukis akvon en la urbon. Tion plicertigas la « Ekleziastiko » en kiu oni legas : « Ezekias fortikigis la urbon alkondukante akvon en ĝin kaj traborante la ŝtonegon per bronzo por konservi la akvon en akvujo. » Tiu traboro, efektivigita per bronzaj laboriloj, rilatas, laŭ la nunaj scienculoj, la tunelan de Siloe, kiu alkondukas en la urbon akvon el fonto troviĝanta oriente je Jerusalem. Ŝajnas ke Ezekias, tion farante, havis duoblan celon : havigi bonan akvon al la urbo kaj samtempe senigi je ĝi la sieĝontajn malamikojn.

Ŝajnas do certe ke la tunelo de Siloe, kiu ankoraŭ nun ekzistas, estis konstruata de l' hebrea reĝo, sed antaŭ nelonge oni hazarde ekkonis la teknikajn detalojn de tiu konstruado. En 1880, infanoj banantaj en la tunelo trovis surskribaĵon faritan per antikvaj hebreaj leteroj ; atenta ekzamenado montris ke tiu surskribaĵo estis farata en la tempo de l' konstruo de la tunelo. Malgraŭ kelkaj mankoj, jen estas la senco de tiu skribaĵo : « (Finis) la traborado. Jen kiamaniere oni ĝin faris : Kiam la borilo de unuj.... kontraŭ la pikilo de aliaj. Kiam tri ulnoj ankoraŭ (estis traborotaj), tiam (oni povis aŭdi) la voĉon de unuj vokantan la aliajn, ĉar estis (malfermo) en la ŝtonego je la suda flanko.... kaj, en la tago de l' finita traborado, la boriloj de la laboristoj renkontiĝis. Tiam la akvoj alfluis en la akvujon lokitan je interspaco da 1200 ulnoj. Kaj la ŝtonego super la laboristoj estis alta je 100 ulnoj. »

Tiu priskribo nepre certigas ke oni faris la traboron komencante ĉe l' du kontraŭaj ekstremaĵoj : tion pruvas ankoraŭ la postsignoj de l' boriloj sur la muroj ĉar tiuj signoj havas kontraŭan direkton je l' du flankoj norda kaj suda.

La laboro ne senerare finiĝis. Oni povas vidi ke pli ol unu fojon oni devis ŝanĝi la direkton, eĉ ke oni devis lasi galeriojn jam komencitajn. Ŝajnas, laŭ la surskribaĵo, ke la renkontiĝo okazis ĉar la laboristoj aŭdis reciproke siajn voĉojn. Estas certe ke la nordmontrilo, kvankam oni ĝin uzis en Oriento autaŭ tre longe, ne povis esti uzata de la inĝenieroj de Ezekias.

Tiu tunelo havas la formon de **S** : ĝi estas longa je 531 metroj, kvankam la rekta interspaco inter la du malfermoj estas nur 332 metroj. La hebreaj inĝenieroj do ne povis trabori laŭ rekta linio ; kontraŭe ili ĉiam konservis la horizontalan nivelon. El tio oni povas kredi ke, jam en tiu tempo, oni konis kaj uzis ian primitivan nivelilon.

**La fino de la haŭtsulkoj**. La scienco nun klopodas por krei artan junecon: tio ja estas fantazie priskribata en alia artikolo de ĉi tiu numero « Internaciaj Distranĉistoj ». Jam oni certigis ke Profesoro Metchnikoff trovis la « *bacterium senectutis* », la mikrobon de l' maljuneco kies « serum'on » bedaŭrinde oni ne ankoraŭ vendas : tio ne ŝajnas tre kredebla sed la sagaculo tamen montris la veran fiziologian kaŭzon de l' maljuneco, kaŭzon eble iam venkotan. Certe estus sensaĝe kredi ke la scienco iam venkos la morton sed oni povas esperi ke ĝi forigos de la homoj la maljunecan kadukiĝon. Jen nova pruvo :

Unu el la kutimaj signoj de tiu kadukeco baldaŭ malaperos ĉar fiziologiisto ĵus elpensis la rimedon forigi la haŭtsulketojn. Laŭ la anatomiistoj, ili estas haŭtaj faldetoj kaŭzataj de la malapero de la subhaŭta graso ; laŭ la poetoj, ili estas la vojetoj sur kiuj la forirantaj iluzioj renkontas la sperton kiu paŝetante alvenas. Nu, tiu fiziologiisto malaperigas ilin per lerta « Masaĝo », post enŝprucigo de miksaĵo de lanolino kaj vazelino. Ni rejuniĝu !

Sed ĉu tiu miksaĵo ankaŭ ne malaperigos la poezion de la malvarmiĝanta aŭtuno de la vivo ?

**Internacia konkurso de vetera antaŭvido**. La internacia konkurso de vetera antaŭvido, organizita de la Belga Astronomia Societo okaze de la Lieĝa Ekspozicio, okazis ĉe la Lieĝa Universitato dum la lastaj tagoj de pasinta Septembro. La unua premio estis aljuĝata unuvoĉe al S^ro Gabriel Guilbert, el Caen (Francujo), post tritaga ekzamenado dum kiu li uzis kaj konigis proceduon per kiu li povas precize antaŭvidi la translokiĝojn de l' centroj de alta kaj malalta aerpremo en Eŭropo : kvankam tiu metodo ne ankoraŭ havigas absolutan certecon, tamen ĝi ebligis antaŭmontri plenajn ŝanĝojn, ĝis nun nepre neantaŭvideblajn per la aliaj metodoj.

Jen estas bonega paŝo antaŭen sur la malfacila vojo al la antaŭvido de la vetero kaj oni devas tre laŭdi la iniciativon de la Belga Astronomia Societo. Ni esperu ke oni atingos baldaŭ ŝatindajn kaj tre dezirindajn rezultatojn.

**Orienta Fabelo**. Scienculo enŝipiĝas en ŝipeton por traveturi larĝan riveregon ; li diras al la ŝipisto :

— Ĉu vi konas la Historion ?

— Ne.

— Vi do perdis la duonon de via vivo ! ĉu vi konas la Matematikon ?

— Ne.

— Vi do perdis la tri kvaronojn de via vivo !

Dum la scienculo diras ĉi tiujn lastajn vortojn, venta ekbato renversas la ŝipeton.

— Ĉu vi konas la naĝarton ? diras siavice la ŝipisto al la malfeliĉa scienculo baraktanta kontraŭ la ondoj.

— Ve ! ne.

— Nu, vi perdis vian tutan vivon !

# FRANCA-FLANDRA FAKO.

## *Notes en marge de l'espéranto.*

**L'activité volapükiste. — Les Schleyeristes de Constance. — Des documents. — La faillite du volapük.**

J'ai eu l'occasion de vous dire déjà que les volapükistes avaient, en ces derniers temps, donné signe de vie et que les partisans de cet idiome barbare, qui a pendant si longtemps jeté la suspicion et le ridicule sur notre belle cause, ne négligeaient aucune occasion de montrer qu'ils existent encore.

Ces volapükistes, bien entendu, sont des « purs » restés fidèles jusqu'au bout aux principes posés par l'abbé Schleyer et qui répudient énergiquement les scissionnaires, fondateurs de cette fameuse académie volapükiste d'où sortit l' « Idiom neütral. » Leur forteresse est Constance, en Allemagne, leur fief la « Konstanzer Abendzeitung » et quelques autres revues germaniques ou autrichiennes, que la collaboration d'un « Herr Doktor X... » flatte infiniment.

Il est curieux de considérer combien certains hommes foncièrement intelligents peuvent s'attacher à une idée, la défendre malgré et contre tous les arguments du monde et s'y cramponner en dépit du progrès. Aucun esprit indépendant ne contestera plus aujourd'hui l'écrasante supériorité de l'espéranto sur le volapük. Cela n'empêchera pas cependant certains partisans de la langue de Schleyer de la défendre énergiquement, même devant le triomphe de Zamenhof.

Ainsi sont les volapükistes de Constance. Ils sentent depuis longtemps que la partie est perdue, que le volapük, n'étant pas viable, n'a pas pu vivre, qu'il a succombé sous le ridicule, que rien ne le ressuscitera. Cependant, ils continuent à prétendre que leur « langue universelle » est la seule réellement simple, pratique, ayant fait ses preuves et destinée à conquérir le monde. Il n'y aurait là qu'un demi-mal si ces affirmations saugrenues n'étaient que la douce manie de quelques illuminés, attachés à un idéal et qu'aucune désillusion n'a pu en distraire. Malheureusement, on les répand encore et de mille façons, surtout en Allemagne et plus généralement dans les pays germaniques. Tous les articles parus dans les quelques journaux qui soutiennent encore le volapük sont soigneusement réimprimés et envoyés périodiquement à d'autres revues qui, parfois, mal averties, les publient.

J'ai reçu, il n'y a pas longtemps, par l'entremise d'un de mes amis, un pareil envoi de propagande volapükiste adressé à un journal anversois (et vraisemblablement aussi à un grand nombre d'autres périodiques). Il est curieux à parcourir. Ce sont sept feuilles détachées — (numérotées de 844 à 850, ce qui tendrait à prouver que ce système est appliqué depuis longtemps)— comprenant des tirés-à-part d'articles de journaux et des attestations en faveur du volapük.

Il y a là — pour un espérantiste au courant de la question — de quoi se payer,comme on dit,une pinte de bon sang. On peut lire en effet dans les articles reproduits des énormités comme celles-ci : « ...Nous possédons depuis 25 ans une langue universelle éprouvée, qui a été pratiquement appliquée à toutes les branches du commerce, des communications, de la science, de l'art et de l'industrie, à savoir la seule langue universelle qui mérite ce nom — le volapük ? ! » (*Konstanzer Abendzeitung*, 8 septembre 1904). Et cette autre « ..Soyons justes et accordons notre appui au volapük, le seul système qui, en considération de sa carrière, est en état de répondre à toutes les attentes ». (*Merkuria* de Berlin, 19 juin 1904). Voici mieux encore : « La langue universelle de Schleyer est reconnue comme étant la langue la plus parfaite du globe, extraordinairement simple et facile, et étonnamment riche en expressions grammaticales. Elle se parle et se chante admirablement (!) et est très euphonique (sic) » (*Konstanzer Nachrichten*, 1905).

Les « attestations » que les volapükistes, de leur propre aveu, possèdent au nombre de deux mille, ce qui n'est pas énorme, ne sont pas moins curieuses. Certains d'entre ces témoignages sont de purs chefs-d'œuvre.

M. le D^r^ M. Ohblidal, entre autres, écrit dans le *Neuigkeits Weltblatt* de Vienne, le 19 février 1905 : « Mon programme secret est celui-ci : Création d'une commission pour l'introduction de la langue universelle volapük, non seulement dans toutes les écoles, mais encore dans les universités (en Autriche). Chaque nation a le droit de conserver sa langue maternelle ; pour les communications d'une nation à l'autre, on se servira du volapük ».

On s'estime heureux, à cette lecture, de n'être pas Autrichien !

La *Strassfurter Zeitung* est très enthousiaste du volapük, et, au surplus, bien informée. On peut lire en effet dans son numéro du 25 novembre 1904 : « Le volapük a subi l'épreuve du feu, et a conquis le monde ! »

Un certain M. J. à Emden, a bien du plaisir : « A côté de mon travail professionnel, écrit-il, l'étude de la langue universelle Volapük est mon occupation la plus chère. Je porte toujours le grand dictionnaire dans la poche de mon habit, et j'emploie tous mes loisirs à enrichir mes connaissances ». Pour apprendre le volapük, c'est en effet la meilleure façon. J'en sais quelque chose. Cependant les volapükistes de Constance ajoutent : « Comment croire, après de pareils témoignages, que le volapük soit assoupi ou endormi, comme on l'a prétendu ? »

Ça n'est pas bien difficile cependant.Il suffit, pour cela, de considérer le n° 850 de la collection de documents en question et dont l'introduction est ainsi conçue : « Konsälün volè. Balidò : baliadis ut, kelis jünu äfélejedon len mologlugodi Marsani : gebonöz füdo plo blünam e mökam kli nika vata, saunik, lesciedika, bazilnoik ! » Cela veut dire tout simplement — en volapük, bien entendu — : « 1. Les milliards que jusqu'ici on a jetés au moloch Mars seraient bien plus utilement employés à la fabrication et à la délivraison d'eau pure, saine, riche, stérilisée. »

J'ignore ce que l'eau stérilisée a de commun avec la propagande volapükiste, mais je constate que cette bonne langue universelle est au moins à cent coudées au dessous de l'espéranto. Ah ! si nos partisans se donnaient autant de mal que les volapükistes pour défendre une cause infiniment meilleure !

Comme nous ferions du chemin !

VIEILHOMME.

